# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **4/10/2013 Cent tridektria Eldono 4/10/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 260**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

## EL ĈINIO 中国武汉 **Roĝer vizitas Ĉinion ĝis 27a Novembro 2013**

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed » Elsendo de la 28a Septembro 2013



### Ni bezonas elokventulojn

La emo de homoj paroli al aliaj homoj kiuj ne apartenas al la propra familio, amikaro aŭ kiuj estas samvilaĝanoj, plej ofte estas tre limigita. Estas nur tre malmultaj homoj kiuj posedas la naturan talenton de elokventeco, do de flua, bela kaj konvinka parolado. Kiu posedas tiun talenton, tiu emas apliki ĝin. Por tia homo la "lingvaj baroj" estas venkinda defio. Lerni fremdan lingvon en tiu senco ne estas ĉefe peno, sed fonto de ĝojo.

Tio validas precipe por lingvo kiu ebligas al la lernanto sufiĉe rapide libere paroli ĝin. Nu, vi certe jam divenas pri kiu lingvo temas. Esperanto subtenas la strebadon de elokventulo plivastigi sian lingvan horizonton por atingi pli da homoj resp. por ĝui la

defion esprimi sin elokvente en alia ol la propra lingvo. ktp ktp ktp

.**Malgranda parto de bona artikolo** Ctrl+alklaku la bluajn lokon)

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.

# Propaganda sekcio







**SBS2 ĉe Sidnejo** proponas rakonti pri Esperanto en sia elsendo "The Feed"

Jeannette Francis
(REPORTER/PRODUCER – The Feed SBS2)
kontaktis kelkajn Esperantistojn pri sia propono.



Karaj,

Sabaton SBS filmis Richard Delamore kaj Kiah Morante dum ili parolis en Esperanto.

Ni ankoraŭ ne scias kiam la programo estos elsendita. Amike, Nicole





Venu al Kanbero 3 ĝis 12 Januaro 2014 Come to Canberra

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena








Ĝis nun eblas lerni nur 5 lingvojn per http://www.duolingo.com sed je la fino de la jaro eblos lerni multe pli da lingvoj kaj ankaŭ Esperanton supozeble. Jen la bildo kiun ili ĵus metis sur Fejsbukon.

Mi uzas tiun retejon por lerni iom da itala lingvo kaj ĝi ja estas tre agrabla lingvoretejo.

Amike, Nicole

Kara Roger,

Povas esti, ke iu el viaj legantoj ŝatus korespondi kun tiu ĉi kubano. Amike, Trevor Steele

Alexander Martinez Aguero <alexander@embergrm.alinet.cu> 2013/9/26

Mi estas Alexander, mi loĝas en Kubo kaj mi deziras korespondi kun esperantistoj por praktiki la lingvouzon de Esperanto. Se oni ne praktikas - neniam oni povos paroli kaj skribi bone! Tio estas komenco de nia kontakto kaj ni ne scias, se povas esti la komenco de granda amikeco

Mia intereso estas interŝanĝi paperleterojn, bildkartojn, poŝtmarkojn kaj veran amikecon, mi ŝatas trovi verajn korespondamikojn per retpoŝto kaj poŝtadreso, mi respondas rapide kaj mi skribas longajn leterojn.
Mia nomo estas: Alexander Martinez Aguero Aĝo: 31
Adreso: Asociación Cubana de Esperanto, Apdo 48, Bayamo1, Bayamo,Granma, Cuba, C.P 85100
Profesio: Mekanika Inĝeniero kaj Magistro en la fako de desegna scienco per komputilo.
Hobio: Legi, skribi poemojn, leterojn, esplori, prelegi, fari esperantajn ekspozicion
Temoj por korespondi: Esperanto, Inĝeniereco, Kulturo, Muziko, Dancado, Sportoj, Instruado per Rekta Metodo kaj Cseh Metodo, Agrikulturo, Bestoj.
Mi estas MEMBRO de UEA, ILEI, SAT

# Kanto en Esperanto

Jen kanto verkita de la Franco Guillaume Armide

http://jadeo.net/index.php/la-postrompiga-temp/



**Por memori kaj priatenti, Unuiĝintaj Nacioj proklamis la 30-an de Septembro**

## Monda Tago de Surduloj

Helen Keller (1880 – 1968)

Por helpi en la propagando kaj diskonigo pri graveco de ĉi tiu tago, aperas en retejo de Legio de Bona Volo (LBV)

artikolo de la ĵurnalisto Paiva Netto, “**Sonoj el la Animo kaj la aŭdanta socio**”.
Ĝi estas legebla ĉe http://www.paivanetto.com.br/index.php/esp/artigo?cm=87219&cs=100
Se Vi interesiĝas pri ĝi, bv. skribi al ni. Via respondo estas kore atendita.
Jen al via koro ĉi tiu eldiro de la edukanto Paiva Netto:
————————————————————

“Nenio estas pli pedagogia ol Frata Amo, kvankam ĝi estas severa kaj justa”.
————————————————————

Kun multaj bondeziroj kaj fratamike,
el la centra sidejo de Legio de Bona Volo en San-Paŭlo, Brazilo,
Maria Aparecida da Silva
www.bonavolo.com www.tbv.com.br/esperanto www.facebook.com/bonavolo

# Al la perfekta retejo



Sekve de la publikigado de la nova asocia retejo **aea.esperanto.org.au**, iuj legantoj eble interesiĝus pri tio, kio faras retejon bona kaj efika.

Kvankam la nova retejo sendube estas multe pli bona ol la antaŭa (kaj mi volas laŭdi Jim Radford kaj lian entreprenon, Image Direct), estas kelkaj manieroj per kiuj ĝi povus esti eĉ plibonigita.

Probable la plej grava paĝo en ajna retejo estas la ĉefpaĝo (home page). Kiam la AEA-retejo publikiĝis, la enhavo de la ĉefpaĝo estis pri kiel oni povus lerni Esperanton. Tio ja estas bona kaj inda informo, sed ne taŭga kiel enkonduko. Do, mi kreis novan enhavon: *mallongaj* respondoj al la demandoj “Kio estas AEA?”, “Kio estas Esperanto?”, “Kiel oni povas uzi Esperanton?” kaj “Kiel mi povas lerni Esperanton?”, *kun ligiloj al aliaj paĝoj por pli da informoj*.

Alia grava afero estas la ĉefa menuo, kaj kiujn paĝojn oni trovus sub ĉiu menuero. Laŭ mi, la nomo de la menuero “Ligiloj” (aŭ “Links”) ne havas sufiĉan signifon, ĉar kompreneble *ĉiu* menuero estas ligilo. Ĉar sub “Ligiloj” estas du paĝoj: “YouTube” kaj “Facebook”, eble la menuero povus esti nomita “Sociaj retoj”? Aŭ eble, tiuj du paĝoj devus esti ie alie?

La kielo, per kiu la informo en retejo estas organizita, nomiĝas “Inform-Arkitekturo”, aŭ “IA”. Anstataŭ mem aranĝi kaj renomi la paĝojn kaj menuojn, mi proponas ke ni *kune* kontribuu al la IA. Ĉe la somerlernejo kaj kongreso en Kanbero ĉi-januare, mi ŝatus funkciigi sesion, malferman al ĉiuj asocianoj, por krei la optimuman IA-on por la retejo. La procedo estas surprize simpla: unue, oni skribu sur kartoj la diversajn pecojn da informo, kiujn la retejo devus havi, po unu karto por ĉiu peco. Due, kun diskuto kaj (espereble) interkonsento, ni aranĝu la kartojn sur muro, en grupojn kaj hierarkiojn. Eble iuj informpecoj kombiniĝos kun aliaj, kaj iuj disiĝos en du aŭ tri pecojn. Fine, uzante la kartaron, mi ŝanĝos la retejon. (Iun helpon de Jim kaj Image Direct mi eble bezonos, por certigi ke la novaj menuoj ankoraŭ funkcios por poŝtelefonoj.) Do, eble vi povus pensi, inter nun kaj

tiam, pri kiel, laŭ vi, la informo devus esti strukturita.

Alia grava afero estas la teksto. Kompreneble, retejo devus esti senerara – en iu ajn lingvo, kaj mi ĉiam bonvolos helpon provlegan. (Dankon, Vera Payne, por via kompleza propono.) Tamen eraroj ne estas la nura problemo. Frazoj, kiuj estus perfektaj en presita verkaĵo, ekzemple en libro aŭ gazeto, eble estos tro longaj kaj/aŭ kompleksaj por legi sur komputila (aŭ poŝtelefona) ekrano. Ekzemple, konsideru ĉi tiun frazon:

> "Kongresoj en la kvindekaj, sesdekaj kaj sepdekaj jaroj, la nacia gazeto *La Rondo* (1941–58), *The Australian Esperantist* (1958–92) – renomita *Esperanto sub la Suda Kruco* (1993–), regulaj klasoj kaj ĉiujaraj somerlernejoj de la naŭdekaj jaroj ĝis nun, vigligis la asocion kiel grupon kiu servas sian membraron per diskonigo de la ideo kaj idealo de Esperanto tra la komunumo kaj pretere."

Jes, ĝi estas tute gramatika kaj eĉ leginda. Tamen, ĉe la fino de la frazo, iuj legantoj eble forgesus kiel ĝi komenciĝis, precipe se la frazo estas sur ekrano. Kial? Ĉar, "homoj emas elspezi tre malmulte da tempo legante plejmulte da retpaĝoj. Anstataŭe, ni skanas (aŭ rapide tralegas) ilin, serĉante vortojn aŭ frazpecojn kiuj kaptas niajn okulojn." (Vidu **www.sensible.com/chapter.html**.) Do, mi penos redaktadi la retejon por daŭre plibonigi ĝian 'skaneblecon'. Se via havas sugeston tian, aŭ ajnan, bonvolu kontakti min ĉe dd@doctordada.com.
Jonathan Cooper




Filmo de Dominique Gautier

ESPERANTO

Karaj,
Ekzistas alia dokumentfilmo pri Esperanto. Vidu
http://esperantofilmo.com/spip.php?article27
Amike, Nicole

Estimata kaj kara samideanino, Diano,
Mi salutas vin de Pollando, Krakovo. Ĉu mi rajtas peti vin pri servo: disvastigo inter aŭstraliaj esperantistoj de la ĉi-suba informo pri eblo lerni E-on je supera nivelo, enrete? Aŭstralio estas por la mondo klara ekzemplo pri utileco de instruado je distanco, kiun nun ankaŭ ni proponas al Esperantistoj de la mondo. Ni zorgis starigi lecionhoron tre taŭgan por Aŭstralio.
Plej kore
Maria Majerczak

## Profitu E-kurson en Interreto, vive - lasta momento por aliĝi

Studu Esperanton kun esperantistoj el diversaj landoj ĉiusemajne, sub zorga gvido de instruistino. Regule parolu, skribu ... restante hejme.

Asocioj, bv. pripensi, ĉu via bulten-redaktanto aŭ instruanto ne bezonas lingve perfektiĝi.
Instruistoj, instigu viajn eks-lernantojn, por kiuj vi ne trovas taŭgan ĉiusemajnan daŭrigan kurson.
Universitata kurso en Interreto por progresintoj. Lernado 6-monata. La kurso komenciĝos en oktobro.
Interesiĝantoj bv. ekskribi por peti pli da informoj: esperanto.instruado.jag.univ.pl(ĉe)gmail(punkto)com
Afable invitas vin
Jagelona Universitato en Krakovo, Pollando kaj Maria Majerczak instruistino



# Familia Bonvena Festo, Ĉinio 29 Sept 2013

Mia edzino, ŝiaj fratinoj kaj patrino.
Eble la patro vane deziris filon. Nun, leĝe, estas nur 5 nepoj, mankas nepinoj.

Sube 3 nepoj, bonepino kaj Roger.




**Estas aŭtuno en Ĉinio, kaj printempo en Aŭstralio.**
**Do ĝis nun ni ne kapablas adaptiĝi al malsimila vetero.**

  

## 2. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO.



Ne nur la klariga priskribo, sed ankaŭ la gramatiko mem de Esperanto devas esti simpla kaj ne kompleta imito de la etnaj gramatikoj. Kaj ĝi fakte estas pli simpla, kun multe malpli da reguloj kaj esceptoj, malgraŭ la fakto, ke pluraj Esperantologoj plu traktas la gramatikon de nia lingvo kvazaŭ ĝi estas eŭropa lingvo, per la malnova lingvismo grek-latin-germana. Ĉi lastaj plu parolas pri nerekta objekto, kazoj, lokativo, instrumentalo, daŭraj kaj nedaŭraj agoj, stataj verboj, ktp., dum en Esperanto tiaj klasifikoj estas superfluaj kaj nelogikaj. Esperanto ne klarigatas per la grek-latin-germana lingvismo malmoderna (inkluzive de Chomsky), sed ĝi havas sian propran gramatikon simplan kaj tamen detalan kaj logikan. Tiel la gramatiko mem kaj ĝia klarigado,.

Esperanto konsistas el vortradikoj, kies granda plejmulto bezonas (vort)kategorian finaĵon (o, a, e, kaj la verbaj, kaj eventualaj j kaj n), por povi uzati kiel vortoj. Ĉar ĝi estas aglutina lingvo, ĝi kreas por novaj nocioj novajn vortojn laŭ tri manieroj: alikategoriigado, derivado, kaj (vort)-kunmetado. La kunmetado estas tre riĉa en Esperanto ( i.a. por eviti la abomenindajn neologismojn), kaj kompreneble procedas laŭ striktaj reguloj, kun tamen esceptoj devigataj de naturaj kaŭzoj.

(daŭrigota) Marcel Leereveld.

### 7 UEA estraranoj

Tre interesa sinprezento de 7 UEA estraranoj sendis Nicole
http://www.youtube.com/watch?v=tm-JLxHZP6Y

Oni ne povas/rajtas spekti youtube en Ĉinio.
Ĉu registaroj kontrolas la reton? La informojn? Roger Springer



中国 China 中 meza (middle), 国 lando (kingdom)



Se hundo mordadus infanon ktp, kaj ne ĉesas la atakon per malfermo de la buŝo, ne batu ĝin, sed tenu la voston apud la korpo, kaj puŝu vian dikfingron en lian fekaĵan truon. Atentu, tenu la voston forte, ĝi rapide provos turni sin kaj mordi vin! Poste, lavu la dikfingron. Roger S